ESPERANTO EN AFRIKO

Numero 21
(2014: 1)

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA

Karaj gelegantoj,

*La jaro 2013 ĵus pasis. Sufiĉe riĉa je diversaj okazintaĵoj ĝi estis, ne nur sine de la Esperanto-komunumo, sed ankaŭ skale de la tutmonda politiko kaj kulturo. Inter tiuj eventoj estas elekto de nova estraro de UEA, forpaso de grava homo (Nelson Mandela), ktp. Grava ne estas Mandela pro la fakto ke li estis en malliberejon dum dekoj da jaroj, sed pro ĉefe la fakto, ke li havis ĉiujn povojn kaj motivojn por kontraŭbatali homojn kiuj sendis lin en malliberejo, sed tamen rezignis al tio. Tiu grava homo tutsimple scias kiel pardoni. Pro tio, li estas gravulo. Alia grava evento estas okazo de la Kvina Afrika Kongreso en Benino. Grava parto de la enhavo de tiu-ĉi numero dediĉiĝos ne nur al ĝi, sed ankaŭ al agadoj de helporganizoj pere de Esperanto en Afriko. La 21a numero de nia bulteno certe traktos nur pri gravaĵoj.*

*La redaktoro*

## I- Mesaĝo de Mark Fettes, prezidanto de UEA



*Kio estas Esperanto?* Jen la neevitebla demando, al kiu ĉiu esperantisto devas ade respondi, ĉu en disaj konversacioj, ĉu en la privateco de la propra cerbo.

Ni ĉiuj konas diversajn pretajn formulojn – "lingvo internacia", "lingvo neŭtrale homa", "dua lingvo por ĉiuj", ktp – tradicie uzatajn por tiaj klarigoj. Komence de la jaro 2014, eble venis tempo rigardi la aferon el iom pli radikala vidpunkto.

*Lingvo kun interna ideo* – tiel Zamenhof priskribis nian aferon. Sed eble pli trafa estas la iama propono de Helmut Welger, ke temas pri *ideo kun interna lingvo*. Ideo samtempe pli vasta kaj pli intima, ol vortaro kaj gramatiko, ĉar ĝi koncernas nian identecon – nian homan eston.

Laŭ tiu vidpunkto, ni disvastigas unue kaj ĉefe ne lingvon, sed *homaranecon*. Temas pri la sento kaj sperto, ke oni mem aktive partoprenas en iuspeca tutmonda kulturo – ne simple kiel konsumanto aŭ kliento, sed kiel kunkonstruanto. Tiun senton dividas sendube dekoj da milionoj da homoj tra la mondo; inter ili, multaj apenaŭ (aŭ neniam) aŭdis pri Esperanto; multege malpli eklernis ĝin. Ili estas, tamen, en profunda senco niaj samideanoj.

Por fariĝi amasmovado, ni devos do lerni paroli kun tiuj homoj. Tio signifas ankaŭ lerni aŭskulti ilin. Ni alportas homaranecan rigardon al la lingva sfero; ni elserĉu kaj akceptu homaranecajn kontribuojn en aliaj sferoj. La fakto, ke UEA jam de 65 jaroj emfazas la ŝlosilan gravecon de la homaj rajtoj en nia laboro por Esperanto, estas modelo de tia evoluo; sed ni ne imagu, ke tie jam finiĝas niaj devoj.

La ĉi-jara Universala Kongreso en Bonaero invitas dialogon kun ĉiuj aktivuloj por daŭripova estonteco – koncepto kiu plivastigas la homaranecon por inkluzivi ĉiujn samplanedanojn, homajn kaj aliajn. Ke daŭripova mondo devas esti ankaŭ homaraneca mondo, verŝajne neniu el ni pridubas. Tamen, kiel evolui en tiu direkto – jen defio, kiu nun okupas registarojn kaj neregistarajn organizojn tra la mondo, kaj devus pensigi ankaŭ nin.

Esperanto: lingvo por daŭripova mondo. Por ke tio ne estu nur frapfrazo, ni devas labori por kompreni ĝian amplekson, ĝiajn implicojn. Ni devas fariĝi movado, kiu edukas homojn en tutmonda skalo pri la profunda rolo de la homaj lingvoj en la atingo de justeco socia, ekonomia, kaj eĉ ekologia. Kaj kie povas dialogi ĉiuj, kiuj laboras por tia mondo.

En tia kadro, ni ja rajtos konsideri nin amasmovado.

**Mark Fettes**

## II- Mesaĝo de la kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA



Mi ŝatus, por la ĵus komenciĝinta jaro 2014, en la nomo de la Afrika Komisiono de UEA kaj en mia propra nomo, bondeziri al ĉiu el vi kaj al viaj familioj feliĉan novjaron. Mi prezentas al vi ĉiuj, miajn ardajn dezirojn por bona sano, paco kaj prospero. 2014 fine portu al nia movado konkretajn perspektivojn por la evoluo de Esperanto.

Denove pasis jaro da esperanto. En Afriko ni certe kontentas, ĉar ni faris plian kaj gravan paŝon antaŭen en la plivivigo de Esperanto. Unuafoje post 17 jaroj, ni laboris tiel, ke reprezentantoj

de landoj asocioj de UEA , membroj de la Afrika Komisiono kaj Afrikanoj partoprenintaj en la jubilea jaro 1987 en Varsovio kune povis sperti valoron de esperanto, ĝian utilon, ĝian amikecon, kadre de la kvina Afrika Kongreso, kiu okazis en la benina urbo Kotonuo, de la 29-a de decembro 2013 ĝis la 4-a de januro 2014.

Afrika Komisiono publike diras dankon al siaj partneroj kaj esprimas sian koran dankon al ĉiuj esperantistoj kies klopodoj igis sukcesa la kongreson. Multan dankon al niaj gastoj el Svedio kaj Svislando, precipe al Mireille Grosjean. Dankon al ĉiuj niaj samideanoj afrikaj kiuj venis el diversaj afrikaj landoj. Estis por ni agrable havi ilin dum tiu ĉi aranĝo. Ni ĝojos denove revidi ilin dum niaj aranĝoj aŭ dum la sesa Afrika Kongreso.

Karaj Samkontinentanoj,

Ni ne devas difini la celon kiel nuran okazigon de tutkontinenta renkontiĝo, sed kiel la ĝeneralan enkondukon de Esperanto en la afrika socio. Parolante pri tiu ĉi, vi certe konsentas kun mi ke jes, tiam la celo estas ankoraŭ malproksima. Afrika movado devas produkti siajn lernolibrojn kaj aranĝi siajn kongresojn. Afrika movado devas esti movado, kiu ĉefe dependas de Afrikanoj mem, kiuj disvastigas Esperanton al siaj samlandanoj, instruas ĝin kaj utiligas ĝin. Necesas ke niaj kluboj kaj landaj asocioj atingu la staton de asocioj kapablaj memstare disvastigi Esperanton.

Multon ni diris pri tiu temo dum niaj diskutoj dumkongresaj. Tamen, mi plu invitas vin ĉiujn daŭre cerbumi pri kiel alstrebi al memstareco de afrikaj establoj. Kion fari por ke la ĉefa laboro estu farata kaj la instancoj vere gvidataj de Afrikanoj mem? La Afrika Komisiono de UEA kaj mi persone estas pretaj kaj ĝojos ricevi pluajn kaj pliajn ideojn, sugestojn kaj solvojn pri la problemo.

La kvina Afrika kongreso donis al ni eblon komuniki nian pretecon gastigi la mondon en Afriko, kadre de internaciaj renkontiĝoj de TEJO, ILEI kaj UEA. Tiu ĉi deziro gvidu kaj lumu nian laboron ekde nun, ĉar 2016 sonas jam hodiaŭ. Ĉiu bona esperantisto devas akcepti la defion kaj kontribui por ke en la proksimaj jaroj efektiviĝu tiu nia komuna deziro en Afriko. Ni devas labori por ke estu for ĉiamaj kvereloj kaj ofta trompado inter ni ; ni havas devon pli kaj plu reviglig niajn landajn asociojn man' en mano, por ke plufloru Esperanto en Afriko.

La kongresa rezolucio estas ia irletero de la Afrika Esperantistaro. La Afrika Komisiono de UEA kiel la plej natura kontaktanto por landaj asocioj en Afriko flanke de UEA, faras sian eblon por diskonigi ĝin al ĉiuj Afrikaj esperantistoj. Landaj asocioj, kluboj kaj fakgrupoj pludiskonigu la rezolucion kaj laŭnecese, ili klarigu ĝian enhavon punkto post punkto al siaj membroj. Ankaŭ ili devas sproni al ĝia aplikado loknivele.

Jen, karaj geamikoj, kelkaj vortoj kiuj espereble pripensigos nin ĉiujn. Afrika Komisiono kaj ties decidplenumanto Afrika Oficejo estas je ĉies dispono por helpi. Ne hezitu kontakti nin kaze de iuj ajn bezonoj.
**Adjé Adjévi**

# III- La Kvina afrika kongreso

## A- Oficiala raporto



La 4-an de januaro finiĝis la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto, kiu dum unu semajno disvolviĝis en la benina urbo Kotonuo kun 32 partoprenantoj el 11 landoj. Krom la afrikaj landoj Benino, Burundo, Ebur-Bordo, Kamerunio, Niĝerlando, Senegalo, Sud-Afriko kaj Togolando, reprezentitaj estis ankau Haitio, Svedio kaj Svislando. Inter la partoprenantoj estis kvar el la sep membroj de la Afrika Komsiono de UEA, interalie ĝia kunordiganto Adjévi Adjé, kaj tri el la dek ankorau vivantaj afrikaj kongresanoj de la jubilea UK en Varsovio en 1987. Ekstermovadan prestiĝon donis la partopreno de la vicurbestro de Kotonuo, s-ro Augustin Houessinon, kiu parolis en la inauguro kaj la fermo.

La kongreso estis kunorganizita de tri partneroj: Afrika Komisiono de UEA, Asocio de Beninaj Esperantistoj (landa asocio de UEA) kaj la svisa-benina neregistara organizaĵo "Scio Sen Bariloj". En la programo estis 18 prelegoj kaj unuhora Skajpa kunveno kun la Novjara Renkontiĝo en Germanio. En la Silvestra Vespero oni dancis, dum la lasta vespero, la 3-an de januaro, estis nacia vespero, en kiu prezentiĝis tri muzikgrupoj. Okazis ankau sesio de Internaciaj Ekzamenoj de ILEI kaj UEA. Pri la dua nivelo sukcesis unu kandidato kun la noto "Bone", pri la tria nivelo du kandidatoj kun la noto "Tre bone".

La kongresa rezolucio esprimis dankojn al UEA, Institucio Hodler '68 kaj multaj individuaj esperantistoj el ĉiuj mondopartoj, kies subteno ebligis okazigi la kongreso, 17 jarojn post la 4-a Afrika Kongreso en Tanzanio. La rezolucio emfazis la neceson de internaciaj Esperanto-renkontiĝoj kiel rimedo por spertiĝo kaj lingva perfektiĝo de la movado en Afiko. Tiucele oni esprimis pretecon okazigi IJK, UK kaj/au ILEI-konferencon en Afriko, eĉ jam en 2016. La rezolucio pledas ankau por modernigo de la Afrika Oficejo de UEA en Lokossa, Benino, kiel montrofenestro de Esperanto en Afriko.

**Mireille Grosjean**

## B- Kongresa rezolucio




De la 29-a de decembro 2013 ĝis la 04-a de januaro 2014, kunvenante en kulturdomo JoCa en la benina urbo Kotonuo, la 32 partoprenantoj de la kvina Afrika Kongreso de Esperanto el 11 landoj volas komuniki al la tutmonda esperantistaro jenon:

Nia Kongreso okazas deksep jarojn post la kvara Afrika Kongreso en Tanzanio. Ĝi povas okazi pro la granda subteno de UEA, de Institucio Hodler kaj de multaj esperantistoj el ĉiuj mondopartoj kaj ni volas elkore danki al ili.

Nia kongreso estas la unua evento en la jubilia jaro "Montevideo 60" (1954-2014) kiu celebras la 60-an jarrevenon de la Unesco rezolucio, kaj devas esti konsiderata tiel.

Ne indas esplori pri la kaŭzoj de la personaj konfliktoj en la movado, akuzi antaŭajn gvidantojn, sed ĉiuj devas rigardi antaŭen kaj agadi.

Havi klubojn en liceoj kaj universitatoj estas bone. Sed al tiu celgrupo oni povas aldoni aliajn sociajn tavolojn, kiuj kapablas finance subteni la movadon kaj partopreni Esperanto-kursojn, kongresojn kaj kunvenojn.

La deziro organizi internaciajn renkontiĝojn por perfektiĝi lingve kaj spertiĝi movade ekzistas arde en Afriko. Ni anoncas nun nian pretecon labori por la okazigo en Afriko en la jaro 2016 ekzemple de IJK, UK kaj/aŭ ILEI-konferenco.

Necesas regula okazigo de la Afrika Kongreso, dum kiu renoviĝos aŭ konfirmiĝos la konsisto de la Afrika Komisiono de UEA. Tiu kongreso okazu ĉiun trian jaron.

Afrika Oficejo (AO) efikas kiel montrofenestro de Esperanto en Afriko ; pro tio urĝas modernigi ĝin, por ke ĝi povu kompetente, digne kaj akurate efektivigi la bezonojn de Afrikanoj kaj ĝi (AO) plenumu la decidojn kaj planojn de la Afrika Komisiono.

Afrikanoj klopodu aktive serĉi novajn eblojn por pruvi la utilon de Esperanto en la ĉiutagaj vivagadoj kaj entuziasmigu la rilatojn inter ili reciproke, kaj kun aliaj.

Afriko estas granda kontinento ; pro tio necesas dividi ĝin laŭ geopolitika organiza modelo por ebligi la migradon de Esperanto-renkontiĝoj. Esence temas pri Okcidenta, Suda, Orienta kaj Centra Afriko. Ĉiu regiono estu reprezentata kiel eble plej ekvilibre en la Afrika Komisiono.

Landaj asocioj kaj kluboj afrikaj strebu al memstareco.

Seminario por aktivula maturigo (SPAMO) estas dezirata kaj ĝi povos okazi en iu afrika lando, kie ekzistas forta movado.

JoCa, Kotonuo, la kvaran de januaro 2014 La Kongresanaro

## C- Parolado de vicurbestro de Kotonou (kongresurbo)

Sinjoro Prezidanto de la Organiza Komitato kaj de la Asocio « Scio Sen Bariloj »

Sinjorino Prezidantino de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

Sinjoro Kunordiganto de la Afrika Komisiono de Universala Esperanto Asocio

Sinjoro Prezidanto de la Asocio de Beninaj Esperantistoj

Altestimataj Gesinjoroj,

Karaj Gekongresanoj,

Jam ses tagoj pasis ekde nia renkontiĝo lunde la 30an de decembro 2013 en hotelo Pac-Haveno, kie ni efektivigis la komencon de la laboro de la kvina Afrika Kongreso de Esperanto, ses tagoj dum kiuj vi aŭskultis prelegojn kaj partoprenis debatojn en la Kulturcentro JoCa, kie ni ĵus nun sidas, ses tagoj, dum kiuj tiuj, kiuj ne konis unu la alian povis konatiĝi, kaj kiuj jam konis unu la alian povis fortigi siajn ligojn, ses tagoj, dum kiuj vi diskutis pri la kongresa temo kaj informis unu la alian pri viaj spertoj.



Via restado en Benino ebligis al vi malkovri ne nur la grandan urbon Kotonuo, sed ankaŭ nian politikan ĉefurbon Porto Novo, kie okazis en 2008 la unua internacia konferenco, tiu de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj ; estis la unua granda internacia evento de via movado sur afrika grundo. Alia ekskurso gvidis vin al Ganvié, alia al Ouidah. Temas pri eta parto de la abundo da kulturaj valoraĵoj troveblaj en Benino. Pro tio vi devas reveni al nia lando por malkovri la ceterajn kulturajn lokojn.

Vi uzis la internacian lingvon Esperanto en viaj aktivecoj, vi konas tiun komunikadsituacion. Estas dezirinde, ke la internaciaj establoj interesiĝu pri tiu lingvo, kies uzo ebligus enorman ŝparadon ĉe tiuj institucioj, kie la tradukado kaj interpretado peze aperas en la buĝetoj.

Dum viaj kongresaj laboroj, vi inter aliaj agadoj faris jenajn decidojn :

- Peti al Universala Esperanto Asocio, ke ĝi planu okazigon de Universala Kongreso en Afriko.

- Pli aktivi por diskonigi Esperanton en Afriko

- Klopodi, ke tiaj kongresoj kiel tiu ĉi kvina okazu pli ofte, por ke tiuj, kiuj lernas la lingvon, havu okazon uzi ĝin.

- Klopodi ekrilati kun publikaj instancoj cele al kreskigo de ilia intereso pri la internacia lingvo.

- Intensigi la informkampanjojn al la vasta publiko kiel celgrupo.

- Strebi al memstareco de la Esperanto-establoj en Afriko.

Mi esperas, ke tiuj rezolucioj prenitaj de vi estos akceptitaj kaj konkretigitaj fare de la menciitaj establoj.

Per tiuj esperplenaj paroloj mi oficiale deklaras la kvinan Afrikan Kongreson de Esperanto fermita.

Vivu amikeco inter la popoloj !

Vivu paco en la tuta mondo !

Vivu la internacia lingvo Esperanto !

Vivu la lando Benino !

Mi dankas vin.

**Augustin Houessinon**

## D-Vidpunktoj pri la kongreso

### 1- Jeremie Sabiyumva (Burundo)



*Privas, Antoine kaj Tomaso partoprenis en la UK de 1987 en Varsovio.*

La 5-a Afrika Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Benino, ekde la 29-a de Decembro ĝis la 4-a de Januaro 2014 sukcese atingis multajn celojn kiuj rezumiĝis sub jenaj punktoj :

1. Por la unua fojo, la Afrika Komisiono de UEA kunsidis fizike por diskuti pri gravaj decidoj por la estonteco de la movado.

2. 3 el afrikaj esperantistoj (Privas, Antoine, Tomaso), kiuj partoprenis en la jubilea kongreso en Varsovio ĉeestis la kongreson,

3. 11 landoj el 3 kontinentoj estis reprezentitaj ;

4. Partoprenis 32 personoj

5. Dum la kongreso, partoprenintoj arde laboris kaj je la fino venis rezolucio.

## 2- Charles Alofa (Benino)

Mia impreso pri la kongreso estas pozitiva. Ĉio okazis laŭplanite. Tamen, estus bone ke estu pliaj partoprenintoj el apudaj landoj (Niĝerio, Burkino, Ganao, Malio, ktp)

## 3- Adjevi Adje (Togolando)

El ĉiuj vidpunktoj la kvina Afrika Kongreso estis sukcesa tamen kun iom da retrorigardo, mi povas diri nun ke okazis kelkaj malglataĵoj, kiujn necesos plibonigi au eviti estontece. Temas pri :

- improvizeco fare de organizantoj (mi ne volis citi nomon)

- manko de artaĵo dum la inaugura programo

- malĉeesto de esperantistoj el najbaraj landoj kaj eĉ en Benino mem, ĉar lau ili la kongreso estis multkosta. tio donis impreson, ke oni organizis kongreson nur por elitoj. venontfoje la kongreso okazu en tre favorpreza ejo kun minumuma komforto por ebligi al multaj Afrikanoj ĉeesti ĝin.

## 4- Synoble Evelson (Haitio)



Mi dankas ĉiujn kiuj organizis tiun kongreson. Ĉar, mi ĝojis ĝin partopreni. Estis ŝanco por mi renkontiĝi kun aliaj esperantistoj en Afriko. Nun, kiel reprezentanto de mia lando Haitio, mi klopodos ke la movado en mia lando kresku por ke ankaŭ ni organizu en venontaj jaroj, eble IJK aŭ UK eĉ ILEI konferncon.

Mi Dankas!

## 5- Emile Malanda (Sudafriko)

Kiel membro de Afrika Komisiono de UEA kaj reprezentanto de la sudafrika Esperantujo, mi partoprenis la 5-an Afrikan Kongreson kiu ankaŭ estis mia unua

partopreno kadre de internaciaj E-aranĝoj. La 5-a Afrika Kongreso de Esperanto estis grava kaj historia evento kiu reale donis esperon kaj optimismon al ĉiuj Afrikanoj.
La sukceso de tiu okazaĵo estis atribuita al Afrikanoj mem tutunue. Ili elmontris ke la unuiĝo de Afrikaj Esperantistoj eblas kaj la antaŭeniro de Esperanto en la tuta kontinento certas. Varmaj diskutadoj inter Afrikanoj prenis lokon dum la Kongreso, dum Mirejo kaj Anita (ambaŭ Eŭropaninoj) silentis. Longajn momentojn neniu el ĉi-lastaj interrompis la debatojn de Afrikanoj, eĉ se ili provis mildigi la fajron de la diskutado. Ĉiuj Afrikanoj reagis unuanime: "nun aŭ neniam por la progreso de Esperanto en Afriko".
La 5-a Afrika Kongreso de Esperanto kunigis Afrikajn Esperantistojn el diversaj landoj, pli ol duono de la Landaj E-Asocioj de UEA en Afriko. Ĉiu reprezentanto rivelis la E-travivaĵojn ene de sia lando kaj seniluziigis tiujn kiuj ignoris tion kio okazas alilande. Sufiĉe montriĝis ke Esperanto ekzistas en Afriko kaj Esperantistoj agadas en Afriko. Afrikanoj konsciiĝis ke Esperanto ne estas monopolo de iu persono aŭ de iu institucio en Afriko, sed tamen de ĉiuj Afrikanoj kiuj lernis kaj utiligas Esperanton.



Rilate al la Kongresa Temo, Afrikanoj montris ke ili kapablas uzi Esperanton kiel kontkatlingvon inter si por la justa komunikado. Jam la belaspekta kongreslibro helpos por retrovi la nomojn kaj retadresojn de ĉiuj partoprenintoj de la Kongreso kaj daŭrigi konstante la interŝanĝojn inter Afrikanoj. Dum, koncerne la ceteran mondon, Afrikaj Esperantistoj bezonas efikan kaj regulan kontakton kun la Internacia Esperantujo.
La 5-a Afrika Kongreso de Esperanto, kiu iel simboliĝis per la kvinpinta stelo de Esperanto, kroniĝis per la Rezolucioj. Tiuj rezolucioj estas la gvidlinioj sekvindaj de la Afrikaj Esperantistoj por firmigi la E-Movadon en Afriko. La Afrika Komisiono de UEA, kiel la pinta E-instanco en la tuta kontinento, rajtas dissendi tiujn Rezoluciojn al la landaj asocioj, kluboj kaj fakgrupoj en Afriko; disvolvigi la enhavon de ĉiu ero de la Kongresa Rezolucioj; kaj kunordigi ilian aplikadon.
Afrikanoj estis dankemaj al Mirejo Grosjean kiu dediĉis ŝian tempon kun neelĉerpebla energio. Ili konigis sian elkoran senton al ĉiuj unuopuloj kaj asocioj kiuj ĉiel helpis.

**6- Latifou Gbadamassi (prezidento de la landa asocio de Benino)**




La kongreso sukcesis laŭ vidpunkto kiun oni havas. Ideale estus bone ke estu pliaj partoprenantoj, sed en tute nur ĉirkaŭ 32 homoj partoprenis. Fakte la ideala/atendita nombro de partoprenantoj ne estas atingita pro tio ke la kongreso ege kostas por afrikanoj. Tamen, resume, laŭ tio, kion mi sciis kaj vidis, la programo estis interesa kaj la 5-a Afrika Kongreso plene sukcesis . Nun ni atendas la financan raporton kiun Mirejo kaj la prezidanto

de Koko decidis prizorgi kaj raporti al ni poste.

## III- Burundo: Esperanto-lernbiblioteko en Burundo

**En sabato la 7-an de septembro finiĝis en Rumonge, Burundo[1], instruseminario kun solena malfermo de ĵus finkonstruita Esperanto-biblioteko. La konstruado estas financita de kontribuantoj al la fondaĵo "Esperanto en Evoluo".**

La prezidanto de ANEB, la landa asocio de Burundo, raportis: "Tie aŭdiĝis diversaj kantoj. La estraro montris al la partoprenantoj ĉiujn ĉambrojn de la Esperanto-centro. Tie ankaŭ estis eks-urbestro de Rumonge, ĵurnalisto de la loka gazeto "Hodi Tanganjika", instruistoj de mezgrandaj lernejoj en Rumonge kaj najbaroj."

Tio estis frukto de laborado dum kvar jaroj. Ni rerigardu al la komenco. De kie venis la ideo fari la bibliotekon? En 2008 Johan kaj mi decidis iri en Kongolandon por instrui Esperanton, sed, eksciante ke tie estas danĝere, ni decidis iri en Burundon, al la sama loko kie s-ino Tereza Kapista jam faris instruviziton. Ŝi rakontis ke tie estas multaj junuloj interesiĝemaj pri Esperanto.

Atinginte Rumongen ni unue konatiĝis kun la direktoro de la lernejo kie ni instruos. La unuajn tagojn alfluis al mia klasĉambro pli ol 80 lernejanoj kiuj ŝatas lerni Esperanton. La kurson de Johan sekvis 35 personoj.

Post sukcesplena unua semajno ni jam formiĝis intensa instrugrupo kun la lokaj respondeculoj Pamfile, Hasan kaj Leopold. En tiu teamo oni diskutis pri diversaj problemoj de lernado. Lernantoj ne portas lernolibrojn hejmen, ĉar por tio mankas – krom la mono – ankaŭ la loko. En la simplaj domoj ne troviĝas ŝrankoj, eĉ ne por vestoj. Ne estas litkadroj, sed ofte nur mato sur grundo kiel matraco. Kie la lernantoj povas trovi trankvilan ĉirkaŭaĵon por studi? En biblioteko.

Mi dubis pri tia projekto, ĉar ĝi postulos multe da mono, sed falis la decido. Venis la kelnero kaj ĉiuj ni mendis bieron por tosti je nia decido, infektite de komuna entuziasmo.

[1] ĉe Tanganjika lago. Burundo situas inter Ruando, Tanzanio kaj Kongolando.

Post reveno en Nederlandon Johan tuj komencis agi, starigis fondaĵon "Esperanto en Evoluo"[2], planis prelegvojaĝon ktp. Kvar germanaj kluboj akceptis nin bonvole kaj donacis. Ni faris reklamproduktojn kiel krajonoj, kalendaroj, ĉapeloj kaj pupoj memtrikitaj, kaj lernis, ke artiklo povas atendigi bonajn enspezojn, sed poste devas esti vendata kontraŭ tro malalta sumo. Tiuj aferoj donis al ni multe da laboro, streĉo kaj plezuro.

Post tiom da jaroj finfine niaj Afrikaj amikoj en Rumonge organizis ĝisfine konstruadon kaj instaladon. Ili malegoisme laboradis, kontrolis la konstruadon kaj per fotoj regule informis nin.

Nun estas okazo danki al niaj serbaj amikoj kiuj helpis por la realigo de la projekto.

Ni ne financos la ekspluatadon de la biblioteko – necerta punkto, pri kiu ankaŭ la estraranoj de nia fondaĵo estas nesciaj. Post Rumonge ni ekserĉas alian projekton en Afriko kiu meritas nian subtenon. Ni esperas trovi tie novajn teamojn. Tamen restos niaj plej bonaj amikoj Pamfile, Hasan kaj Leopold.

Milanović Svetlana

## IV- Agadraporto 2013 en Benino

La subvencio de UEA al ABeE por la jaro 2013 ege reduktiĝis ( 50 eŭroj). Verdire, pro tiu reduktiĝo, la movado enlande spertis malfacilaĵojn. Tamen, kluboj aktivaj faris siajn eblojn por vivigli ĝin danke al kutimaj aktivecoj kiel Zamenhofa festo, kunvenoj, kursoj, prelegoj pri diversaj temoj. Kluboj Sankta Harmonio el Ayahohoué, Monda Familio el Azovè, Nova Sento el Hondjin, kaj Ilei-sekcio raportis pri siaj respektivaj agadoj.




Menciindas la kreon de nova klubo norde en Benino kiu nomiĝas ''Nordaj Steloj''. Temas pri lerneja klubo ĉar ĝi estas kreita kaj gvidata de S-ro Sodokin Modeste, lernanto ĉe la Ŝtata Teknika Liceo de Natitingou en la departemento de Atakora-Donga.

Notindas, ke ĉi-jare en majo mi faris fulman viziton al la Fondaĵo Duilio Magnani en Koudo, je ĉirkaŭ 15 kilometroj for de Lokossa, kaj renkontis

[2] Estraranoj, krom Johan, estas Renato Corsetti, Tereza Kapista kaj Stanislav Belo.

ties gvidanton, S-ro Gaston Houssou. Tiu Fondaĵo ŝirmis privatan mezgradan lernejon gvidata de Gaston. Dum la vizito, ni priparolis eblecon relanĉi esperantan agadon en tiu lernejo en la lernjaro 2013-2014. Mi kaptis la okazon por lasi tie kelkajn esperantajn libretojn.

## INSTRUADO

Nur instruado garantias la postvivon de esperantujo. Tial la instruado de Esperanto devas regule ricevi apartan atenton. Tion faris kluboj aktivaj tra la lando. Fakte, okazis esperantaj kursoj laŭ definitaj programoj aŭ momentoj.
Inter aliaj materialoj uzitaj oni povas mencii ''Mil Unuaj vortoj'', ''junulkurso'', ''poŝamiko'', ''Cour rationel d'Espéranto'', ktp.
Por plialtigi la lingvoscipovon de esperantistoj la Landa Asocio, kunlabore kun sia instrufako, planis, antaŭ du jaroj, organizi kongreso-seminarion kiu finfine okazis komence de aŭgusto 2013 en Lokossa.

## UTILIGADO DE LA LINGVO

Dum la tuta jaro okazis du fizikaj kunvenoj de la landa estraro por pritrakti movadajn aferojn. Plejparte la lingvo estas utiligita por interŝanĝi retmesaĝojn kun diversaj esperantaj instancoj kaj unuopaj gravuloj en Esperantujo: UEA, ILEI, Afrika Komisiono de UEA kaj ĝia oficejo en Lokossa.

## KONGRESO-SEMINARIO

Kiel eksterordinara evento, la kongreso-seminario okazis de la 2-a ĝis la 4-a de aŭgusto 2013 sine de la porknabina ŝtata mezgrada liceo ''Lycée des jeunes Filles'' en urbo Lokossa, departemento de Mono, sudokcidente de Benino. Tiu aranĝo estis eksterordinara pro tio ke ĝi okazis pli ol dek jaroj post la antaŭlastan kaj ebligis al tutlandaj esperantistoj renkontiĝi por profunde pensi pri la movado kaj decidi pri ĝia estonteco.

### 1-<u>Instruado kadre de la kongreso</u>

La instruado konsistis el kurso pri rudimentoj de esperanta alfabeto kaj bazaj gramatikaĵoj.
Ĉe la alfabeto, la kursgvidanto parolis pri la dudek ok (28) literoj kaj prononcado per bone surmure kaj skribite tabelo. Aldoniĝis alia tabelo kun silaboj kaj ties elparolado.
La posta paŝo rilatas al finaĵoj. Sur tiu kampo, estis instruita verbformoj kiuj karakterizas la infinitivon, la prezencon, la futuron, la preteriton, la kondicionalon kaj la imperativon. Ankaŭ oni pritraktis la finaĵon de substantivo, adjektivo kaj adverbo.

Ne mankis pronomoj personaj kun posesivajn pronomojn kaj afiksoj ankaŭ ne estis prisilentitaj.

## 2- <u>Utiligado de la lingvo kadre de la kongreso</u>

La kongreso okazis esperante. Partoprenintoj, ĉu komencantoj, ĉu progresantoj aŭ mezuloj, povis interparoli, babiladi kaj interŝanĝi en Esperanto. Ankaŭ okazis kvizo konsistinte el demandoj kaj respondoj pri la gramatikaĵoj kaj movadaj konoj pritraktitaj en la kongreso-seminario. Krome, ili parkere lernis kanti la himnon de esperanto ‘’La Espero’’.

## 3- <u>Biblioteko</u>

Dumkongrese la landa biblioteko funkciis. Fakte aroj da diversaj esperantaj informiloj kaj libroj el la biblioteko de la Landa Asocio ĉe la Afrika Oficejo de UEA estis translokitaj en rezervitan ejon kiu servis kiel biblioteko. Tio ebligis superrigardon de esperanta gazetaro kaj literaturo. Interalie videblis ekzempleroj de revuoj kiel « juna amiko, Esperanto, Monato, Kontakto, Tejo Tutmonde, IPR, Esperanto en Afriko, Le monde de L’Espéranto, ESPERANTO-info, la Sago », lerninstrumaterialoj kiel « L’Espéranto par la méthode directe de Stano Maĉek, poŝamikoj, Cours Rationnel Complet d’Espéranto, poŝvortaroj franca-Esperanta/Esperanto-franca, Mil unuaj vortoj, » kaj libroj kiel « Unuaj libroj por esperantistoj, jarlibro, Pasporta Servo, ktp. La kongresanoj utiligis sian ripoztempon por, laŭplaĉe, konsulti, tralegi tiujn esperantaĵojn kaj multe lernis de ili.
La partoprenantoj estis invitataj aliĝi al la landa biblioteko por povi pruntepreni esperantaĵojn kiuj helpus ilin akiri plian scion pri kulturaj konoj ĝenerale.
La landa biblioteko disponigas utilajn rimedojn al progresantoj kaj mezuloj kiuj servis kiel specifaj legaĵoj por sin prepari al internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA.
Temas pri speciale riĉaj fontoj de informoj pri Esperanto-kulturo.
Krome la landa estraro pretigis formularon plenigotan de homoj kiuj ŝatus pruntepreni librojn el la biblioteko.
Mi kaptas la okazon por sciigi, ke S-ro Raimundo de Araujo Chaves el Brazilo donacis al ABeE ĉi-jarfine librojn pri spiritisma doktrino. Temas pri :

1- La Evangelio laŭ Spiritismo (ALLAN KARDEC)
2- La libro de la Spiritoj (ALLAN KARDEC)
3- La Ĉielo kaj La Infero (ALLAN KARDEC)
4- Filigranoj El Lumo (Divaldo P. Franco)
5- Almanako Lorenz 1993
6- Juna amiko N° 2/2008

Aldoniĝis unu alia libro note FLUGORANGO RAKONTAS de Johan Galtung kaj Andreas Galtung (Fabelo por infanoj kaj aliaj homoj) donacita de Anita Dagmarsdotter al ABeE dum la 5-a ake. Tiun libron tradukis Anita el la sveda. Koran dankon al Anita pro la donaco.
**Latifou Gbadamssi**

# V- Agado per Esperanto

## A- Modela dauripova helpo per esperanto en Burundo



Unu el la ĉefaj malfacilaĵoj konvinki homojn lerni esperanton estas manko de konkreta kaj tuja profito. Kie ajn oni proponas esperanton, ĉu en la okcidenta mondo, ĉu en la supozeble malriĉaj landoj, oni ne facile povas per unu simpla frazo respondi al simpla demando de homoj : kio estas Esperanto? Kompreneble homoj emas ricevi per unu frazo respondon al demando. Ekzemple, kio estas Joruba? Ĝi estas lingvo parolata de milionoj da homoj en Niĝerio kaj en Benino. Dum al la sama demando pri esperanto, tiom simpla la respondo ne estas.



Pro tio, indas trovi pli konkretan strategion por divastigi Esperanton. Kontribui al daŭripova projekto per nerekta efika strategio por ne nur enkonduki Esperanton en iu komunumo, sed ankaŭ enradikigi ĝin. Projekto rilate al konstruo de biblioteko, iniciatite de Johan Derks kaj kunlabore kun ANEB, landa asocio de Burundo, iĝis efektiva de kelkaj monatoj. Estas certe ke tia projekto ne nur plifortikigas la esperantan movadon en Burundo, sed donas ekonomian avantaĝon al homoj kiuj laboris dum la konstruado de la biblioteko. Se iu loka masonisto, lignaĵisto, ktp. gajnas salajron pro konstruo de tia biblioteko, estas certe ke tiu almenaŭ alkutimiĝos al la vorto Esperanto, eĉ se tiu ne aŭtomate lernas ĝin. En tiu kazo, ne fakte temas pri kompatinda esperantisto kiu donacas, sed pri iu kiu permesas krei okazon por labori. Tiel la laboristo ne vere konsideras okcidentdevenan esperantiston kiel bonkorulon kiu disdonas sukeraĵojn, sed kiel iun al kiu oni povas oferti konkretan servon kontraŭ pago. Kompreneble, realigo de tiaj projektoj bezonas financan apogon, ĉefe el la okcidenta mondo. Pliaj informoj pri la projekto en Burundo estas legeblaj ĉe retpaĝo de la

fondaĵo « Esperanto en evoluo » : http://www.esp-evoluo.tk/ Jen konto de la fondaĵo ĉe UEA : **eeer-u**

# Jean Codjo

## B-Projekto NABOUBA – FINA RAPORTO Helpo al orfoj kaj infanoj en malfacila situacio (periodo de la 15-a de septembro 2012 ĝis la fino de 2013)

La kontribuoj de donacantoj kolektitaj en la 2-a semestro 2012 egalis entute al 6 055 EUR. La 14-an de decembro 2012 estis ĝirita al la konto de la orfejo la sumo de 6 055 EUR, kiu estis enskribita en Benino la 18-an de decembro 2012. El la tuta sumo de la kontribuoj estis 3 475 EUR por la tuta orfejo sen distingo de celo kaj 2 580 EUR de patronoj por konkretaj infanoj (90 EUR po infano + unu aparta donaco de 60 EUR). En la 1-a semestro 2012 havis sian patronon entute 28 infanoj. Kvar infanoj ricevis kontribuojn rekte, pere de siaj patrinoj kontraŭ skriba konfirmo.

La 2-an de oktobro 2013 estis ĝirita al la konto de la orfejo aldona sumo de 1 200 EUR, kiu estis enskribita en Benino la 7-an de oktodo 2013. Klarigon rilate al tiu ĉi ĝiro vidu sube.

En la 2-a semestro 2012 kaj dum la jaro 2013 vizitis la orfejon plurfoje la kontrolisto de la projekto Ĉarles Alofa kaj dufoje la kunordigantino Vlaďka Ĉvátalová (januaro kaj majo 2013), kiu dum siaj ne anoncitaj vizitoj alportis entute 90 kg de vestaĵoj kolektitaj en Belgio kaj Ĉeĥio, kiuj estis tuj disdonitaj al la infanoj.

Estis daŭrigataj planitaj laboroj, sed samtempe la realigado iĝis ĉiam pli kaj pli malrapida kaj problema pro la konduto de la direktoro Félicien Miĉifan. Por realigi ĉiun eron de nia programo necesis rekontakti lin multfoje, amasiĝis ĉiam pli strangaj klarigoj, kial nenio estis farita malgraŭ multnombraj promesoj, kaj sekve la kunlaboro iĝis tre malfacila kaj finfine malebla.

Ni tamen ne volis forlasi ne finitan laboron ĉar ni imagis, ke se ni forlasus la konstrulaborojn, kiujn ni komencis, neniu finus ilin kaj nia tuta laboro kaj la multnombraj kontribuoj de la donacantoj estus perditaj. Tial ni decidis fari ĉion por finrealigi niajn planojn kaj tiel almenaŭ certigi, ke niaj klopodoj ne estos vanaj kaj ke la infanoj povos profiti de la kompleta infrastrukturo post kiam la projekto ne estos daŭrigata niaflanke.

Sekve ni ne plu petis novajn kontribuojn en 2013, sed uzis nur la jam kolektitajn kontribuojn de la fino de 2012 ĝis ilia elĉerpigo. Kelkaj personoj donacis monon ankaŭ dum la jaro 2013 kaj tiuj kontribuoj estis parte uzitaj en oktobro 2013 por finaligi la lastajn laborojn kaj pagi lernejajn kontribuojn de la infanoj por la lerneja jaro 2013/2014. Temis entute pri la sumo de 1 200 EUR kaj uzitaj estis kelkaj konkretaj kontribuoj dediĉitaj al la orfejo ĝenerale. Aliaj restantaj kontribuoj, kiuj

estis ĝiritaj por Nabouba dum 2013, troviĝas en la konto en Belgio kaj estos en proksimaj tagoj resenditaj al la donacintoj.

La kontribuoj por la 2-a semestro 2012 kaj kelkaj kontribuoj por 2013 estis uzitaj en jena maniero: - fine de 2012 estis pagitaj lernejaj kontribuoj de la infanoj de Nabouba por la lerneja jaro 2012/2013, dokumentoj necesaj por kelkaj infanoj (naskiĝatestoj – sen la dokumento ili ne povas prezentiĝi por ekzamenoj) kaj t-ĉemizoj necesaj por la lecionoj de sporto; - fine de januaro 2013 estis instaligitaj sunpaneloj por lumigi la orfejon. Necesis ankaŭ aĉeti kelkajn materialojn kaj lampojn, kiuj kongruas kun la sistemo. Bedaŭrinde iom post iom montriĝis, ke la kapacito ne estas sufiĉa por havi sufiĉe da lumo en la tuta konstruaĵo, duŝejoj kaj necesejoj. Tial fine de oktobro la kapacito devis esti plifortigita kaj parte estis ŝanĝitaj kabloj kaj lampoj, kaj ekde tiam la infanoj povas vere profiti de la lumo kaj ekzemple studi vespere (ofte ili revenas el lernejo nur post la 17-a horo kaj jam je la 19h30 estas nokto); - en marto 2013 la akvoputo estis pliprofundigita kaj finkonstruita. La nivelo de la akvo estas nun sufiĉa por ke la akvo povu esti uzata por la necesejoj kaj duŝejoj dum ĉiuj sezonoj de la jaro. La akvoputo estis kovrita en septembro 2013 por eviti malpurigon; - en junio 2013 estis pagitaj naskiĝatestoj de kelkaj pliaj infanoj; - por konekti la akvon de la akvoputo kun la duŝejoj kaj necesejoj ni decidis uzi ankaŭ sunenergion, kaj sekve necesis instaligi alian sunpanelon kun sunenergia pompilo. La laboroj estis finitaj fine de julio kaj transprenitaj la 1-an de aŭgusto 2013. Nun sufiĉas turni la akvokranon kaj oni povas lavi sin! Simpla afero en Eŭropo, sed granda atingo en benina vilaĝo! Krome la kapacito de la sunpanelo estas sufiĉe granda por konekti eventuale alian aparaton, ekzemple televidilon. Necesis aldone pagi aliajn laborojn ligitajn al la instaligo de akvokonekto – ĉefe bone enfermi ĉiujn kablojn ktp. por eviti kontakton kun pluvakvo; - komence de oktobro 2013 estis pagitaj lernajaj kaj ekzamenaj kontribuoj kaj t-ĉemizoj de la infanoj por la lerneja jaro 2013/2014.

Kvankam estas bedaŭrinda, ke nia projekto post 5 jaroj pro multaj malfacilaĵoj finiĝas, ni devus tamen gratuli nin por ĉiuj atingoj, kiuj ne estas malgrandaj: Somere 2008 dum la unua vizito kaj komence de 2009, kiam la projekto ekis, Nabouba estis en terura stato. La infanoj dormis surplanke sur ŝimo en ĉambroj, kie ne eblis spiri. Ni renovigis la domon, ŝanĝis la tegmenton, plafonojn, kreis novajn fenestrojn, aĉetis litojn. La infanoj iras al lernejo kaj ni kontribuis al aĉetado de manĝaĵoj kaj medikamentoj. Ni konstruis necesejojn kaj duŝejojn kaj la domo havas elektron kaj kurantan akvon.

Nun ne plu eblas certigi, ke la mono de la donacantoj estus bone kaj plene uzata nur por dediĉitaj celoj. Necesus absoluta kontrolo, kun kiu la direktoro de la orfejo ne konsentas, sed kiel kunordigantino de la projekto mi ne povas akcepti, ke li uzu la monon de la donacantoj sen kontrolo. Komence ne ĉiuj elspezoj estis plene kontrolotaj, sed malgraŭ tio ni vidis rezultojn – bonkvalitajn kaj rapidajn. Iom post iom komenciĝis problemoj kaj kun Karlo Alofa ni estis devigataj pripensi ĉiam novajn kaj novajn kontrolmetodojn kaj limigojn. Je la fino ni havis la impreson, ke ni laboras (kaj finfine sukcesas) malgraŭ la bojkoto de la direktoro – kaj tia „kunlaboro" longdaŭre ne estas ebla.

Mi esperas, ke la direktoro eble ankaŭ lernos sian lecionon kaj estonte pli serioze longdaŭre kunlaboros kun aliaj partneroj. La situacio estas tre bedaŭrinda por la infanoj de Nabouba, sed se la respondeculo surloke ne funkcias kiel necesas, maleblas okazigi miraklojn el Eŭropo.

Mi ŝatus ĉi-tie tre danki al mia kunlaboranto kaj amiko Karlo Alofa, kiu ĉiam tre bone faris sian laboron de kontrolisto.

Kaj kompreneble la plej granda danko apartenas al ĉiuj, kiuj subtenis la projekton Nabouba finance dum la longaj kvin jaroj, ĉu regule, ĉu per unuopaj kontribuoj.

Nome de la projekto NABOUBA

Vlaďka Ĉvátalová Bruselo la 13-an de decembro 2013

# VI- Vidpunkto

**ESPERANTON EN AFRIKO : SENDEPENDA KAJ AŬTONOMA ?**

La temo daŭre aktualas kvankam ĝi datiĝas ne de hodiaŭ. Sed la demando pli kaj pli akriĝas pro tio, ke la ĉefajn subtenantojn de afrikaj esperantistoj --- niaj gesamideanoj el Okcidento kaj Oriento --- trafas persistema ekonomia krizo por kio la unua solvo por ili estas ŝpari monon kaj draste redukti ĉiujn elspezojn. La ĝisnuna dependeco de afrikaj esperantistoj rezultas antaŭ ĉio el la malbona stato de la vivo en la nigra kontinento : nek mono, nek laboro, nek sekureco. Kaj ne nur Esperanto suferas malfortecon, ĉi tie, ĉio neniam glitglate funkcias kaj oni ĉiam devas improvizi survoje por finsukcesigi iun aferon. Tial multaj okcidentuloj ne kutimas labori komforme al tia metodo kaj estas malkuraĝigitaj plu agi en aŭ favore al Afriko. Alia konata fakto estas ke la Esperanto-movado en Afriko vivas kaj postvivas per la nura agado de fervoraj unuopuloj sed tion daŭre kaŭzas la unua supremenciita kialo. Sincere dirite, Esperanto ne estus devinta eniri ĉi tien. Afrikanoj ne estus devinta lerni ĝin. Bedaŭrinde, la lingvo jam enradikiĝis en Afriko. Ni jam manĝis la malpermesitan frukton, sed nun ne facilas la digesto. Sekve, ĉu indas plu helpi nin materiale kaj finance ? Kompreneble neniu dece kuraĝas nei.

Ni do supozu ke oni forlasas helpi Esperanton en Afriko por ke la tiea movado estu sendependa kaj aŭtonoma. Certe dum kelka tempo, ĝi vivos, vivetos, vivaĉos kaj postvivaĉos danke al klopodado de kelkaj fidelaj aŭ fanatikaj esperantistoj, danke ankaŭ al la reto, kiu ebligos al la lokaj esperantistoj plu teni realan kontakton kun la lingvo. Formiĝos malfortaj grupoj de unuopuloj kies labora kondiĉo pli kaj pli etiĝos ĝis kompleta malaperiĝo de la restanta « komunumo de lingvouzantoj ». Kiel ja eblus lerni/instrui Esperanton kiam la gejunuloj (tamen ili estas la forto kaj estonteco de ĉiu ajn projekto en Afriko) ne povas pagi sian buskoston por ĉeesti kurson, fotokopii libroekstraktaĵon, pagi retkoston ĉe iu publika retkafejo ktp? Ĉu plorindas la perdo de tiu parto de la monda samideanaro ? Sincere dirite ne ! Ĉar ĝis nun, Afriko kaj afrikaj esperantistoj alportas nenion gravan al nia komunumo. Afrika esperantistaro mistrafis tuŝi la vivesencon de la kulturo kaj tekniko en Esperantio. Neniu bedaŭros krom la nostalgiuloj kaj la senbridaj idealuloj.

Kaj se bonŝance ĉiuj decidus ke oni daŭre apogos Afrikanojn disvastigi Esperanton ? Necesos do ke la komunumo investu en la instruado kaj unuopa kaj amasa. Ebligi al ili havi enmane librojn kaj lernilaron. Volontuli por korespondi kun ili ĉu poŝte ĉu rete. Eĉ helpi ilin finance kaze de ekstrema neceso… Ĉu la monda komunumo akiros profiton el tio ĉio ? Sincere dirite ne ! La sama nuna situacio restos kaj ni daŭre dependos de vi, karaj gesamideanoj ! Ĉar ni estas kaj restos malriĉaj pro la avideco de niaj naciestroj, de niaj parlementanoj, de la landoj kiuj koloniigis nin, de (mal)novaj potencoj kiuj voraĉas nian riĉaĵon. Pro la senutila intesta lukto kaj kvereloj inter la lokaj movadanoj.

Ĉu senelira situacio ? Ĉu pesimismo ? Mi mem ne povas ecigi mian respondon. Sed mi rimarkis ion gravan dum mia efemera restado en Eŭropo: malgraŭ la relativa abundeco de rimedoj tie, daŭre malmultas la nombro de esperantistoj en progresintaj landoj, plimulto el ili estas maljunaj kaj la esperantista junularo apenaŭ interesiĝas kunlabori kun ili. Aliflanke, per taŭga reklamo, pli facilas allogi multajn gejunulojn lerni Esperanton en malriĉaj afrikaj aŭ aziaj landoj.

Mia konkludo estas ke nepras de nun difini novan formon de solidareco kaj sincera kunlaboro inter la esperantistoj de la riĉaj kaj malriĉaj landoj. Esperanto estas esence afero de espero kiel titoliĝas la priafrika libro verkita de Heidi Goes. Se mankas al ni tia espero, nia lingvo riskas ja malaperiĝi el la Terglobo.

*Henriel FIDILALAO*

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al: afrika oficejo, b.p. 416, Lokossa-mono, benino tel : +229 224 10 229